Nal. poczt. opł. rycz.

# JUNA ESPERANTISTO

INTERNACIA MONATA — JUNULARA REVUO.

OFICIALA ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTO-JUNULARA ASOCIO.

Jaro I. | Novembro 1933. | Nr. 5.

REDAKCIO-ADMINISTRACIO: KRAKÓW, LELEWELA 9 m. 2. (POLLANDO).

| Jarabonprezo en Pollando 4 zł.<br>» eksterlande 2.50 sv. fr. | ĈEFREDAKTORO<br>EMIL MAYER. | Poŝtĉekkonto<br>Kraków P. K. O. Nr. 413.944. |
|---|---|---|

## LA CELO DE TEJA KAJ ĜIA TASKO POR LA BONO DE LA ĜENERALA MOVADO.

La ĝenerala Esperanto-movado montrigis antaŭ nelonge al la ekster staranta observanto malgajan kaj senkuraĝigan bildon. La tutan pasintan jaron du grandaj grupoj batalis unu kontraŭ la alian. Oni disputis je organizaj formoj, je eksteraĵoj kaj preskaŭ oni estus praviginta tiun pesimiston diranta, ke la Esperanto-movado estas proksima al sia natura fino, ke ĝia ideo estas mortonta.

Feliĉe la kontraŭuloj sin retrovis en Kolonjo kaj la tuta organizo estas nun unuecigita kaj povas veturi sur unu sola relo.

El tiuj okazintaĵoj ni devas lerni ke: se movado pro eksteraĵoj dispartiĝas, se ĝiaj gvidantoj disputas pro formoj, direktante sian tutan energion je ili, tiam la movado ne plu posedas internan idealan valoron.

Sed ĵus la interna ideo estas la animo de movado, donas al ĝi plej grandan forton kaj konvinkigon.

Ideo, estante al ĝia portanto potenca kaj konscia en ĉiu sia intenseco kaj neceseco, antaŭeniras simila al ondego per natura forteco kaj estigas al si mem sian formon simplan kaj organecan.

Nur iu estaĵo interne malsana aŭ mortanta fordonas grandan parton de sia restinta energio por komplikaj, subtilaj, en ilia naturo organizaj demandoj. Ĝi pro laŭleĝe mortadas, ĉar ĝi ne plu estas interne pravigata.

Vere, la naiva observanto inklinus, doni al la Esperanto-movado tiun-ĉi diagnozon.

Kvankam la optimistoj tiun-ĉi fojon feliĉe estis pravigitaj, la estintaĵoj tamen devigas nepre la Esperantistojn, konscii la respondecon rilate al la universeco.

Ĵus tiun-ĉi celon ni volas atingi. Ni volas kulturi la internan ideon, la altajn idealojn de Dro Zamenhof, ni volas ilin revivigi denove je nova aktiveco por ĉiu unuopa Esperantisto la senton de respondeco kaj devigo.

En unu vorto: ni volas altigi la animon de la Esperanto-movado, ĝian idealan kernon je tia vivanta aktiveco kaj impona forto de konvinko, kiu devigas el si mem. Nur en tiu-ĉi formo Esperanto povas konkeri la mondon, ne kiel dekadenta organiza mekanismo.

Per tio rekomencos nova epoko en la movado.

Kiamaniere ni efektivigos la altan kaj gravan taskon?

La junularo estas la avangardo de tiu-ĉiu renoviga movado. Pere de nia konvinko kaj entuziasmo ni volas porti ĉien la torĉon de nia idealo per juneca fervoro.

Gvidata de firma laborprogramo, baldaŭ publikigota, ni antaŭeniras laŭplane. Niaj gvidprincipoj kristaliĝas en konciza formo de sekvaj artikoloj. Ili estas la ideala fundamento de nia agado. Funditaj je la konvinko, ke organeca formitaĵo estas multe pli agadpova kaj vivo-forta ol komplikita konstruaĵo kun multaj komitatoj kaj komisionoj, ni donis al nia asocio plej eble simplan organecan formon.

Ĝi estas gvidata de malgranda Centra-Komitato apogata de landaj ĉefdelegitoj, dependanta de ĉies fido al siaj gvidantoj.

Ĉe la gvidado kaj administrado de la asocio ekzistas nenia kaŝeco aŭ sekretaj decidoj. Klaraj financaj raportoj aperas regule en la oficiala organo.

La rilaton inter la membroj kaj la gvidantoj ni reguligas per la principo: libereco kaj disciplino.

La necesan kunligan forton inter niaj membroj ni trovas en la spirito de kunlaborado. Plej efika estas individua iniciatemo kaj persona kuraĝa memstareco de niaj membroj. Ĉiu agu propramove lojale kaj prudente, konforme al la unuiga spirito de nia asocio, tio estas la idealo de homeco.

Per la vorto „disciplino" ni komprenas la memvolan konformiĝon al la spirito de TEJA kaj la akuratan plenumon de la malmultaj, sed despli gravaj devoj por ke la unueco de la agado estu garantiata.

Per persista kunlaborado kaj ekstreme aktiva antaŭenpuŝado ni atingos nian celon je la bono de la tuta Esperanto-movado.

La konfido kaj subteno de ĉiuj Esperanto unuiĝoj helpas al ni forte en nia laboro.

Iam en multaj landoj nia agado fundiĝis kaj ĉie oni trovas entuziasmaj junaj kaj maljunaj Esperantistoj batalantaj por nia idealo.

Kaj nun ĉiu Esperantisto, ĉiu juna aŭ maljuna, sentanta sian respondecon por la ĝenerala movado aliĝu al niaj vicoj kaj batalu por niaj ideàloj, per la renovigo de la interna ideo.

por la Centra Komitato: Rudolf Kutzli

*Postrimarko*: membron de TEJA povas fariĝi ĉiu Esperantisto, aprobanta la „Gvidprincipoj" n. Jarkotizo *1'50 sv. fr*, kun gazeto „Juna Esperantisto" *3'50 sv. fr.* Detalajn informojn, aliĝilon kaj instrukciojn postulu de la Centra Oficejo aŭ de delegito.

# Tutmonda Esperanto-Junulara Asocio

**Prezidanto: D-ro William Perrenoud.**

**Centra Oficejo; Rudolf Kutzli, Scheibenackestr. 6, St. Gallen SVISLANDO.**

## Grava alvoko

al la fakaj organizaĵoj Esperantistaj! al la landaj asocioj Esperantistaj! al la gazetaro Esperantista!

* * *

Permesu, ke ni direktu vian bonvolan atenton al nia asocio. Kiam vi estas traleginta la specialan numeron de »Juna Esperantisto«, vi certe ne malaprobos nian agadon kaj volonte trovos vojon ireblan, por reciproka subteno kaj efika kunlaboro.

Por helpi al nia ideo inter la junularo, ni ĝentile petas vin, represi laŭsence la enhavon de nia fakorgano en la vian, de kiu vi bonvolu sendi ekzempleron.

Teja jam ekzistas de la jaro 1920, sed en lastaj jaroj suferis pro diversaj cirkonstancoj. Tamen la novorganizo esperigas post bona komenco, baldaŭan reviglîĝon.

Teja estas neŭtrala rilate al politiko, religio kaj rasoj. Per konscia kunlaboro de ĉiuj fortoj ni utilos al la komuna alta celo de Esperanto.

Mano en mano ni konduku la junularon al la plena scio kaj praktika aplikado de nia kara lingvo.

La Centra Oficejo de Teja:
Theo Kutzli, direktoro.

# KIEL ORGANIZI JUNULARAN GRUPON?

KARAJ GEAMIKOJ!

Unue mi volas prezenti min al vi: mi estas svisa studento kaj intencas fariĝi gimnazia instruisto. Ankoraŭ du jarojn mi devos studi por la fina ekzameno. Mi estas tre feliĉa, ke mi povas aktive kunlabori en la gvidado de nia kara asocio, estante membro de la Centra Komitato. En mia hejmurbo St. Gallen mi organizis antaŭ kelkaj jaroj junularan Esperanto-grupon, kiu ĝis nun bone progresis. Dum tiu tempo mi povis ĉiuflate gajni multajn spertojn, kaj mi esperas, ke mi povas servi al vi, rakontante al vi pri la organizo de nia grupo.

Bone organizita junulara grupo povas esti la plej vivplena kaj batalkapabla ĉelo de nia movado. Sed oni neniam forgesu, ke organizi signifas nur fari eksteran konstruaĵon. Se tiu konstruaĵo estas lerte farita, ĝi povas multe sukcesigi la laboron. Sed ĉefaĵo estas, ke oni sukcesas plenigi tiun mortan konstruaĵon per la freŝa, floranta vivo. Mi ne dubas, ke ĉiu junulara grupo en tiu rilato mem trovas la ĝustan vojon, ĉar ĉiu grupo havu sian individuan karakteron.

Unue mi rakontas tre mallonge ion pri la ekstera organizo de nia klubo. La aferojn gvidas kvarmembra komitato (prezidanto, sekretario, kasisto, protokolanto), kiu estas elektita ĉiujare de la membraro kaj konsistas el junuloj. Krom tio kelkaj plenaĝaj amikoj konsilas al ni en malfacilaj kazoj.

La ĉefaj taskoj de TEJA grupo estas: Propagandi Esperanton inter la loka junularo, prepari komencanto-kursojn por junuloj, perfektigi la membrojn en la lingvo kaj ebligi al ili ĝian praktikan uzadon, kaj eduki la membrojn en la senco de la TEJA-gvidprincipoj. Ĉiu el tiuj taskoj estas same grava, kaj devas esti speciale kaj zorgeme solvita de diversaj membro-grupoj, elektitaj de la tuta anaro. La komitato gvidas la propagandon. Per simpla plimultigilo ni presigis kelkajn efikajn varbfoliojn. La sukceso estas plej granda, se oni bone organizas la disdonon de la varbiloj. Pli sukcesriĉa estas ankoraŭ la persona varbado. Pri la instruo de speciala propagando-tekniko mi parolos ankoraŭ. Kelkatempe ni okazigas malgrandajn festojn, al kiuj ĉiuj amikoj kaj konatuloj estas invitataj. Bone kaŝita inter amuzaĵoj, dancado, ludoj, teatraĵoj ktp. la propagando estas mirinde efika! Poste oni povas organizi kurson, kiu estu gvidata de lerta Esperantisto. Certe vi trovos bonan Esperantiston, kiu gvidos kontraŭ malgranda rekompenco la kurson. Se tio ne estas ebla, aĉetu bonan, modernan lernolibron kaj la plej lerta el vi gvidu la kurson! Se la kurso finiĝis, la klubo havas novan devon: la perfektigon de la novaj membroj. Nia junulara grupo solvis la taskon tiel: (mi citas kelkajn artikolojn el nia regularo, kiuj koncernas al la afero).

— La membraro de Verda Stelo (nomo de nia klubo) dispartiĝas en du kategoriojn, nome; la plenvaloraj Esperantistoj kaj la komencantoj. Laŭprincipe ili estas tute samrajtaj. Plenvaloraj Esperantistoj estas tiuj membroj, kiuj sukcese pasis specialan ekzamenon. (vidu pliposte). Komencantoj estas novaliĝintuloj, kiuj

vizitis elementan kurson, aŭ kiuj ĝenerale ankoraŭ bezonas perfektiĝon.

— Neniu membro apartenu pli longtempe ol 8 monatoj al la komencanto-kategorio.

— La perfektigon de la komencantoj organizas speciala laborkomisiono, kiu, obeante al la regularo, laboras memstare. La perfektigo estas por komencantoj senkosta.

— La perfektiga programo disfalu en la jenajn 3 faktorojn:

a) Perfektigo en la Esperanto lingvo, (Precipe por praktikaj celoj, konversacio, korespondado ktp).

b) Interna ideo kaj celoj de Esperanto, gvidprincipoj de TEJA, Esperantismo. Historio kaj organizo de la Esperanto-movado

c) Esperantista apologio (kiel defendi niajn ideojn, kaj propagando-tekniko).

— La perfektiga komisiono kune kun la komitato de Verda Stelo preparas laŭbezone la ekzamenon kaj ellaboras laŭ konstantaj, ankoraŭ definotaj principoj la ekzamenan programon.

— Ekzameno estas deviga por ĉiu membro de la komencanto-kategorio.

— La komitato de „V. S" starigas laŭbezone neŭtralan ekzamenan komitaton, kiu konsistu el lertaj kaj spertaj Esperantistoj.

Per tiu ĉi programo mi faris la plej kontentigajn spertojn. Estas nepre postulinda, ke la komencantoj ne nur estas perfektigataj en la lingvo, sed la aliaj faktoroj estas almenaŭ same gravaj!

Kion ni faru kun la dua kategorio, la „perfektuloj"? Unufoje almenaŭ en la semajno ni kunvenas en konvena ejo, ekz. lernejĉambro. La kunvenoj estas devigaj por anoj de la perfekta kategorio. Esperanto estas la sole permesata lingvo. En somero la kunvenejo estas kelkfoje la bela naturo. Paroladoj, precipe diskutadoj pri Esperantaj kaj aliaj aktualaj temoj estas ĉiam tre interesaj. Krom tio oni lernas libere esprimi siajn pensojn kaj ideojn en la mondlingvo. Okazas ankaŭ kelkfoje teatraj vesperoj, al kiuj ni invitas nian amikaron. La teatrema parto de la membraro interpretas al la aliaj bonajn kaj amuzajn perlojn de la Esperanto-literaturo Alian fojon parto de la membraro preparas korespondan aŭ eĉ speciale amuzan vesperon. La iniciatemo de ĉiu membro eltrovas ĉiam novajn, valorajn ideojn. Kaj se estas bela dimanĉo, l-tuta membraro migras en la naturon. En tia maniero oni kreigas amikan senton inter la membroj, kiu estas tre grava. Specialajn paroladojn aŭ diskutadojn ni dediĉas al la kulturigo de niaj altaj TEJA-idealoj. Por la pli junaj membroj ni okazigas specialajn kunvenojn dum posttagmezo. Ludoj, konvenaj amuzaĵoj kaj serioza laboro en la senco de niaj idealoj pasigas la kunvenojn, kiuj estas gvidataj de pliaĝa kamarado.

Ĝenerale tio estas nia organiza formo. Ĝi lasas liberecon al la individua iniciatemo de ĉiu membro. Laŭ aliaj cirkonstancoj oni povas ankoraŭ modifi ĝin. Sed nia sperto montris, ke ĝi estas tre bona kaj ke ĝi povas entuziasmigi la membrojn. Ĝi plenumas la plej gravan taskon de la junulara Esperanto movado en sia malgranda regiono; la formigon, la edukon kaj la preparon de plenvaloraj Esperantistoj en ĉiuj sencoj de la vorto.

Mi atendas de vi, karaj geamikoj, ke vi pridiskutu tiujn proponojn, kaj ke vi skribu al mi viajn opiniojn. Kaj nun; Nepra alvoko! Se en iu loko troviĝas kelkaj junuloj, kolektiĝu kaj fondu junularan grupon! Unueco fortigas, kaj mi ripetas: per bone gvidata junulara grupo vi donas al nia kara TEJA la plej grandan servon!

Kore kaj amike salutas vin
via kamarado:
Rudolf Kutzli, St. Gallen, Svislando,

# REGULARO
## por delegitoj de T. E. J. A.

I. Ĉefdelegitoj:

1) La ĉefdelegito reprezentas la Asocion en sia lando kaj la sialandan membraron ĉe la Centra Oficejo. Li administras, propagandas kaj gvidas la TEJA movadon en sia lando. Li estas respondeca por la movado en sia lando. La ĉefdelegitoj rajtas nomi en sia loko kelkajn kunhelpantojn; krom event. vic-delegito ili ne povas havi konstitucian povon

2) Se la cirkonstancoj permesas, li rajtas organizi nacian societon de TEJA, kies regularo devas esti aprobata de la Centra Komitato.

3) La ĉefdelegito elektas kaj konfirmas la regionajn kaj lokajn delegitojn en sia lando kaj restu en konstanta kontakto kun ili. Li estas la liganto inter la landa delegitaro kaj la C. O. Li klopodu, ke almenaŭ en gravaj urboj de la lando ekzistu delegitoj.

4) La ĉefdelegito devas regule, almenaŭ je ĉiu printempo kaj aŭtuno, detale raporti al la C, O. pri loboro farita kaj stato de TEJA en sia lando.

5) La ĉefdelegito kolektas la jarkotizojn de la membroj kaj kvitancas per membro karto. Li sendas regule la kotizojn al la C. O., sed rajtas reteni por si maksimume 10₀/⁰ de la kotizoj.

6) Pri gravaj aferoj de la tuta asocio oni voĉdonigas la ĉefdelegitaron.

7) La Centra Komitato ĉiukaze rezervas al si la rajton pri konsento je la decidoj de la ĉefdelegitoj.

II. Regionaj delegitoj:

La regionaj delegitoj helpas al la ĉefdelegito kaj agadas sub lia gvido en siaj distriktoj. Ili estas laŭbezone elektataj de la ĉefdelegito.

III. Lokaj delegitoj:

1) La loka delegito reprezentas la Asocion en la koncerna loko kaj la loka membraron ĉe la ĉefdelegitoj.

2) La loka del. propagandas TEJA-on inter la loka esperantistaro, kolektas la kotizojn kaj sendas ilin al la ĉefdelegito, varbas membrojn kaj abonantojn, raportas regule al la ĉefdel. laŭ ties instruo kaj helpas per informservoj ktp. al ĉiu TEJA-ano.

3) La loka delegito estas elektata kaj informata pri ĉio koncernante sian oficon de la ĉefdelegito. Li rajtas rifuzi aliĝojn,

4) La loka del. nepre devas respondi servopetojn, se oni almetis respondpagilon.

IV. Dive saĵoj:

1) La delegiteco estas honora ofico. Ĉiu delegito devas esti Membro-abonanto de TEJA.

2) Eventualajn plendojn ĉiuspecajn oni direktu nur al la Centra Oficejo.

St. Gallen, la 3an de Februaro 1933.

Por la Centra Komitato de TEJA:

La prezidanto: Dro W. Perrenoud

La direktoro: Th. Kutzli

Krome la delegitoj estas petataj kaj rajtas insta' specialajn servojn, ĉu landajn ĉu internaciajn. ekzempl-

Korespond-Servo: So Gerhard Schram, Stettin-Grabow, Kochstrasse 17 Germanujo.

Junulara-Esperanto-Propaganda Oficejo en Holando: Gvidanto: So. Albert C. van Ingen, Rotterdam - West Craadykstraat 3 E

Ĉiu bona nova ideo povas esti proponata rekte al la Centra-Oficejo de TEJA, kiu rezervas al si la rajton pri aprobo, kompletigo, diskutigo kaj aplikado.

Estas dezirinde, ke la diversaj servoj estu dispartigotaj inter la delegitoj. Tiamaniere ĉiu delegito povas efike labori por sia propra ideo.

Ĉar la Centra-Oficejo estas ŝarĝita je la reorganizo tutmonda, ĝi ne povas sin okupi pri detalaj aferoj, sed estas dankema al siaj fervoraj kunlaborantoj.

La Centra-Oficejo atendas plezure el ĉiu lando anoncoj de novaj delegitoj.

Estu bonvenataj en nia juna rondo.

La Centra-Oficejo de Teja.
Theo Kutzli, Direktoro.

## Ĉu vi scias, al kio servas TEJA?

Grenjo: Diru al mi, amiko, kio estas Teja. Kamarado parolis iom pri ĝi, sed mi ne bone komprenis.

Peĉjo: Feliĉe mi povas bone klarigi al vi la aferon, ĉar ĵus antaŭ monato kamarado Baur sukcesis akiri miam subskribon por membreco al Teja.

Grenjo: Tio ja estas bonega hazardo. Kian valoron havas la Teja-membreco?

Peĉjo: Unue ĝi havas idean valoron. Teja posedas belan monatan gazeton, nomatan: »Juna Esperantisto«. Precipe tiu ĉi numero estas tre interesa, ĝi informas la leganton pri ĉio dezirinda.

G; Kiu skribas la gazeton?

P: La Centra-Oficejo de Teja kaj ties prezidanto. Sed precipe la legantoj de Juna Espetantisto rajtas mem ensendi artikolojn, proponojn, novajn ideojn ktp.

G Ĉu ankaŭ mi rajtus verki ion, ĉar mi ofte havas strangajn sugestojn.

P: Certe, la vortoj de knabino estas volonte aŭdataj. Eble oni povas akiri premiojn,

G: En tiu-ĉi kazo mi petas panjon, ke ŝi permesu al mi la aliĝon al Teja kaj la abonon de »Juna Esperantisto«.

P: Ni parolu kun niaj geamikoj kaj instigu ilin, fari la samon. Poste ni fondos Esperanto-grupeton junularan laŭ la proponoj de nia 18-jara vicdirektoro Rudolf kaj la afero fariĝos interesplena.

G: Ĉu kotizo kaj abono kostas multe?

P; Per la malgranda kotizo de sv. fr 1. 50 ni subtenos nian asocion, kiu siavice ne povas bone vivi sen la oficiale organo: »Juna-Esperantisto«. Do ni abonu ĝin ankaŭ por s. fr. 2.50 (kune nur sv, fr. 3.50), por ke ambaŭ povu ekzisti

G: Ĉu vere necesas, ke ni aliĝu kaj abonu, ni povas ja formi grupeton sen Teja?

P: Pripensu bone, ke unueco fortigas. En tuta mondo vivas gejunuloj Esperantistaj, kiuj sopiras rilati kun ni. Kaj tion ili nur pavas fari, se ni havas fortan asocion, nome nian Teja'n. Estas nia nepra devo, ĝin subteni per ĉies malgranda forto, per niaj aliĝo kaj abono.

G: Kiam ni estas fondintaj grupeton, ni loboros vigle, perfektiĝos, varbos novajn anojn.

P: Enironte post kelkaj jaroj la lokan Esperanto Societon, ni jam kapablas helpi al ĝi en diversaj fakoj, dank'al niaj spertoj kolektitaj en la junulara grupo. La Verda Stelo estu nia gvidanto. Do kuraĝe antaŭen. La estonto estas nia, ĉu vi, kara Grenjo, voas fidele helpi min?

G: Tion mi firme promesas al vi. Nia kamarado Baur certe kaj volonte nin subtenos.

P. ĝis revido morgaŭ vespere.

G: Mi estas feliĉa.

## Delegitoj de T. E. J. A.

— Samarai, Papua (Australio) Dro F. J. Williams.
— Lima (Peru) J. Minnez, Box 2704.
ĉefd. Kaunas (Litovujo) V. Kazlauskas Zemaiĉiu g 94a No.
ĉefd. Tallinn (Estonio) Fino. E. Lübeck Kopli t. 78-30
— Brügge (Belgujo) Meersseman Roger Gapaard strasse 22
ĉefd. Bratislava (ĉeĥoslovakujo) Al. Csader Zamoĉnicka 8
— Koŝice „ Grebert Arved Domobranecka ul. 23
— Türi (Estonio) Looring Alexandro S. Pärnu 48
ĉefd. Le Mans (Franclando) Bodereau Marcel A, 212 Bd. J. J. Rousseau
— Neuilly s. Seine (Franclando) 61 Avenue de Neuilly So. Bertrand Pierre
ĉefd. Stettin-Grabow (Germanujo) Schramm Gerhard Kochstrasse 17
— Merseburg „ Boos Hans Stufenstr. 3
— Elbing „ Dreyer Otto, Gr. Lastadienstrasse 7
reg.del. Karlsruhe „ Helfers Friedrich Postfach 165
„ Leipzig „ A. Neupert Wedellstrasse 17
— Friedland „ Reichelt Max
— Kisi-wada-si-(Japanujo) Kawasaki Haruo, Kitanmati 44
— Mohammareh (Persujo) So. F. Mahĝur
ĉefd. Zagreb (Jugoslavujo) Lapenna Ivo, Primorska ul. 11
ĉefd. Rotterdam (Nederlando) Alb. C. van Ingen, Craandykstrasse 3E
— Bussum „ Bosman P, Oosteinde 13
ĉefd. Lawang (Ned. Indie) Kho Yok Siang
— Sendai Japan So. ŜooiĈiroo Oocuka ĉe So. Joŝioka, Kita-Rokuban 324
cefd. Krakov (Pollando) Kożuch Alfons, Pędzichów 20
reg.del. Równe Woł. „ Icekzon Mordko Jagiellońskn 39
— Bydgoszcz „ Patalong Janusz, Kościuszki 38
— Varsovio „ Rubenstein Assir, Nowowiejska 25/11

Ĉefd. Setubal [Portugalujo] de Sousa, Alberto Henrique Largo Dr. Francisko Soveral 4-3a,
Ĉefd. Valki [Sovetunio] Surĵanenko Petro Ĥarkovska oblast
— Hällekis [Svedujo] Frisk, Helge
Ĉefd. Zürich [Svislando] Baur Arthur, Herrenbergst. 5
— Monstreux „ Bellion Postes
— St. Gallen „ Otto Dornbierer, Gütlistr. 4
Gossau St. Gallen Fino Maria Ege St. Gallerstrasse 908
ĉefd. Ateno (Greklando] St. E. Patsuris Tsamadu Str. 29

Prezidanto de Teja: So. Dro William Perrenoud, Cernier Svislando.

Direktoro de Teja: So. Theo Kutzli, Ŝcheibenackerstr. 6 St. Gallen Svislando.

Vicdirektorode Teja: So. Rudolf Kutzli, Scheibenackerstr. 6 St. Gallen. Svislando.

Centra-Oficejo de Teja, Scheibenackerstr. 6 St. Gallen Svislando.

Redaktoro de „Juna-Esperantisto“: So. Emil Mayer, Kraków, Lelewela 9 m. 2.

## La verda Junular!

[laŭ la melodio: Mi havis kamaradon

1. Ni estas gekamaradoj,
La verda junular',
Verda stelo nin ornamas,
Esperanton ni proklamas.
[al tuta junular'.].

2. Junulino kaj junulo, —
Estas vi mirinda par'?
El multaj verdaj paroj
Fariĝos dum la jaroj
[La verda tutjunular']

3. Kaj kuraĝe ni batalas
Ĝis blanka la harar',
Ni jubileon festos
Kaj niaj idoj estos:
(La verda junular').

Robert Langenegger St. Gallen.

## Grava sciigo!

En kunlaboro al la Venko!!

En kunlaboro kun la

a] Tutmonda Esperanto-Junulara Asocio [TEJA].
b] Mondjunularo Katolika [MOKA].
c] Esperanto-fakoj de kelkaj Foiroj.
d] Esperanto-fakoj de kelkaj Fremduloficejoj en ROTTERDAM [Nederlando] estis starigata la *Junulara Esperanto - Propaganda - Oficejo.*

La Oficejo celas:

a] konstante propagandi Esp-on per la Junularo kaj [almenaŭ precipe] inter ĝi.

b] plivalorigi Esp-on per servoj al Esperanto-uzantoj, precipe al tiuj, kiuj reklamas esperantlingve [per gvidiloj, prospektoj, kalendaretoj ktp.]

Ĉar temas pri Esp-propagando ni esperas, ke ĉiu Esperantisto laŭpove kunlaboros!!

La Esperanton uzantaj entreprenoj sendu materialon.

la Gvidanto, A. C. v. Ingen.
Ĉefdelegito de Teja por Nederlando
Oficejo: Voorhaven 43, Rotterdam-W. Nederlando.

# KRONIKO.

Laŭ raporto de Prof. Dro Dietterle (dir. de Esp. Instituto en Leipzig) en la j. 1927 en pli ol 7000 lokoj de la mondo, ekzistis entute 126.508 esp., pri kiuj statistiko havis fidindan scion. El ili 41.751 estis organizitaj en 1776 grupoj (inter ili 632 fakaj grupoj) el kiuj 693 posedis Esperanto-bibliotekon. En la grupoj oni okazigis dum 1926:2531 kursojn. Krom tio ekzistis 16.987 izole vivantaj Esperantistoj en lokoj, kie ne estas aŭ ne respondis grupo, kaj 67,837 eksterurbaj Esp. en lokoj, kie estas grupoj. Efektive ke la statistiko ne estis kompleta ĉar ekzistis multajn esp. en la diversaj partoj de l' mondo, kie la anketo de la statistikestro ne atingis, same multajn esp, rondojn ne akurate respondis. Tamen ĉi supra bildo estas sufiĉe impresiga kaj impona, por montri, ke Esperanto kiel mondhelplingvo jam ludas rolon, apud kiu tute malaperas ĉiuj aliaj mondhelplingvaj sistemoj. La statistiko de la jaro 1932 montras jam 1'000.000 aktivajn esperantistojn. Se ni volus kompari kun la statistiko de la Ligo de Nacioj (1922) kiu prikalkulis disvenditajn lernolibrojn de l'Esperanto (ĉirkaŭ 4'000.000', kaj personojn kiuj finis kurson de l' lingvo internacia (proksimume 7.000.000) la nombro de l' aktivaj esp [organizitaj) estas ankoraŭ nekompareble malalta.

* 26-a Universala Kongreso de Esperanto okazos venontjare [4—11 VIII 1934] en *Stockholm* en Svedlando.

* En la Jubilea Esperanto-Kongreso en Kolonjo [29 VII — 5 VIII 1933] partoprenis 950 gasamideanoj el 32 landoj. La ĉefa sukceso de ĝi estis la subskribo de *Interkonsento de Kolonjo"* per kiu estiĝis plilarĝigita Universala Esperanto Acocio [UEA], ampleksante ĉiujn ĝisnunajn. organizojn [U. E. F., I. K. C., K. R.).

* 27 blinduloj esperantistoj el 10 landoj kun 25 gvidantaj amikoj ĉeestis Jubilean Kongreson de Esperanto en Kolonjo.

* La XIII-a Kongreso de [SAT] Sennacia Asocio Tutmonda okazis nunjare [5—10 VIII] en Stockholm. Partoprenis ĝin ĉirkaŭ 600 p. el 15 landoj.

* Okaze de la Brita Esp. Kongreso en Oxford [Anglujo] dum la instruista Kunveno oni prezentis raporton laŭ kies Esperanto estas nun instruata oficiale aŭ neoficiale en 27 lernejoj en Anglujo. En ĉi tiuj lernejoj estas instruataj 1006 gelernantoj. La raporto ne informas pri [Kimrujo, Skotlando, Irlando), kie en pluraj lernejoj oni instruas Esperanton.

* Konsiderante, ke post 4 jaroj estos 50—jara jubileo de ekzistado de la Esp-movado, ĝis kiu tempo la tuta Esperantistaro devos agi per multobligitaj fortoj kaj en plivastigita amplekso por atingi en sia movado tian staton, kiu povus senkoteste konvinki ĉiun homon ne nur pri la taŭgeco, sed precipe pri la jam antingitaj vere rimankindaj venkoj, la XII ĝenerala jarkunveno de Estona Asocio Esp. okazinta la 16. 17 — an de aprilo 1933 en Viljandi, decidis prilabori *interlandan agadplanon de skandinavaj landoj* (Finlando, Latvio, Litovio, Pollando, Norvegio kaj Svedujo) por enkonduki Esperanton en la reciprokajn interrilatojn de baltaj ŝtatoj. Interlanda agadplano realiĝis kaj ekfunkciis.

* La presejo de la pola sekcio de American Braille. Press finpresis lernolibron de Esp. por polaj blinduloj. La lernolibron verkis s-ro E. Rytenberg (varsoviano) sindona instruisto de E en la ŝtata instituto por surdmutuloj kaj blinduloj, kie Esp. estas devige instru-

ata. La necesa mono por la presado troviĝis en ege bela maniero ĉar polaj samideanoj kolektis ĝin inter si kaj oteris por ĉi—celo, anstataŭ floroj por la tombo de la bedaŭrinde mortinta edzino de la eminenta eminenta gvidanto de la pola Esperantistaro, Prof, Odo Bujwid.

* Universala Esperanto-Asocio (Svislando, Geneve, 1, Tour de l' Ile), testas nunjare jubileon de nia 25-jara ekzistado, 1908 — 1933 Al aro da gratuloj Tutmonda Esp. Junulara Asocio kaj rodakcio de „Juna Esperantisto ĉi tie loke aldonas koregajn salutojn.

* Kola Ajayi (Aĝaji) nia bonekonata nigro-samideano en sia propagand-vojaĝo vizitis multe da urboj en Pollando, ĉeĥoslovakujo kaj laste en Jugoslavio.

Dum la XIV Nacia Kongreso en Hradec Koralove (ĉeĥoslovakujo 19. III 933) oni prentis proponon inviti, Universalan Kongreson de Esp. al Praha por 1-35. ĉu tio estas ebla se Barcelona Nicea kaj Madrid, ankaŭ deziras aranĝi en sia lando kongreson?

* ĉirkaŭ la mondon kun la verda stelo — jen la titolo de nove aperinta libro kies aŭtoro mem priskri bas en ĝi sian unuan oficialan Esp, mondvojaĝon. Red. J. Scherer de Los Angelos [Kalifornio] mondvojaĝis 17 monotoj. Li vojaĝis 1.000 horojn per 300 diversaj vagonaroj, pasigis 65 noktojn sur 24 diversaj ocean-ŝipoj, dormis preskaŭ ĉiutage en alia lito aŭ sofo, en alia hotelo, domo. hejmo, vizitis ĉirkaŭ 250 lokojn en 40 landoj por fari vizitojn kaj paroladojn

* Je la 28. I. 1932 dum ĉin-japana milito, ŝanghaja Esperanto Asocio estis forblugita kun siaj ĉiuj havaĵoj kiuj kolektiĝis dum pli ol 25 jaroj. Nun la malnovaj amikoj refondas asocion kaj samtempe apelas al tutmonda Esperantistaro, petante libro-donacojn aŭ Esp. presaĵojn por restarigi bibliotekon.. Adresu P. O. B. 1332 ŝanghajo, ĥinujo.

* Dum la Nacia Kongreso de Esperanto ĉe Orleans (Francujo 1933) oni pridiskutis demandon, ĉu ne pli bone estus kunigi esp. — gazetoj aperintaj en Francujo, kies nombro de januaro ĝis nun atingis 6 novajn organojn. Rezulte de la konferenco la juna ĵurnalo de Nantes »La Varbilo« kuniĝis kun »L'Esperantiste Sisteronnais—Villa Zamenhof—Sisteron [B. A.).

* Inaŭguro de Zamenhof-strato okazis post la okazigo de la Festo de Floraj Ludoj (literatura konkurso) en Vendrell. La unuan premion en nunjara brila festo de Floraj Ludoj gajnis pola samideano s-ro Robert Świentochowski el Wyszgrod.

* XVI-a Kataluna Esp Kongreso [4—6. VI 1933] okazinta en Vendrell decidis inviti Universalan Kongreson de Esp. en la j. 1935 al Barcelona.

* Holanda filmproduktejo de tonfilmoj »Polygoon« ĵus finprilaboris esp. tolfilmon prezentatan »kurson de pastro Cshe« gviditan konversacie. En Hollywood (Usono) prepariĝas tonfilmo kun bonega filmstelo, Mario Marsh.

* En Aŭstrio dum la Kongreso de Germanaj Katolikoj (Wien 7—13 IX 1933) okazis Esperanto-kunveno kaj diversaj Esp.-aranĝoj.

*Dum la Jubilea kantfesto okazinta en Tallinn (Estonio 22—25 VI 1933), Esperanto ludis gravan rolon. Dank al' Esperanta Turista Komisiono oni sukcesis aranĝi diversaj servojn en la internacia lingvo.

* En la Franca ĉambro de Deputitoj de la parlamento fondiĝis grupo de Esperanto-amikoj al kiu aliĝis 41 deputitoj.

* La asocio de instruistaro en Pollando tre favoras Esperanton. En sia domo ĝi regule okazigas E-kursojn kaj posedas propran E-sekcion. La semajna gazeto »Głos Nauczycielski« — Instruista Voĉo — aperigas E-angulon.

* Oni sciigas nin, ke en urbo Bussum [Hollando], fondiĝis Esp. kantĥoro »La Espero« kun 40 p. kaj kies prezidanto estas nia fervora TEJA repr. en Busa sum s-ro P. Bosman La unua prezentado okazis en belsalonego de St. Vitus antaŭ 500 personoj. Loka gazetaro tre favore recenzis. Gratulon.

* Jam el pli ol 40 landoj aliĝis federacioj, grupoj, rondoj, unuopuloj kiel membroj de la Internacia Esp.-Muzeo (Wien, Aŭstrio, 1 Neue Burg, Heldenplatz). Zorgu afable, ke via loko kaj multaj aliaj el via lando estu reprezentataj en la eldonata *Adresaro*, kiu estos vere bonega propagandilo ankaŭ por la E-movado en via lando. Afable aliĝu tuj! ĉiu helpu laŭ siaj eblecoj nian Instituton, tiun gravan entrepenon de nia movado!

* Nia hinda amiko Lakshmisvar Sinha, post dujara vojaĝo en Eŭropo, revenis al Svedujo por ĉi tie resti kelke da tempo. En la lerneja instituto de Tagore ĉe Santinikan en Bengalujo s-ro Sinha instruas matematikon k. t. p. estate ankaŭ ĉefinstruisto de slojda instruejo laŭ metodo de Nääs vizitis ankaŭ slojdseminarion en ĉi-tiu urbo.

* Plezure ni raportas kaj gratulas al nia bonekonata ĉeĥoslovaka esperantisto Dro Ant. Eltschner metrop. kononiko. kiun lasttempe, Lia Papa moŝto nomis titolan episkopon de Zefirio kaj helpepiskopon de la Praha ĉefepiskopo. La episkopo prof. dro Eltschkner estas prezidanto de la Ligo de Katolikaj Esp. en ĉeĥoslovakujo.

* Lia Arĥiepiskopa Moŝto la Metropolito de Polianis kaj Kirilo K. Afendulidis pasigis granpsukcese la Esperantan ekzamenon. Helenaj Esperantistoj estas vere fieraj kalkuli en siaj vicoj altrangan, kleran Eminentulon, kiu tiamaniere fariĝis la unua diplomita ĉefepiskopo en Grekujo. Gratulon!

* F-ino Lidja Zamenhof (filino de la Majstro] lerta Cshe-instruistino, post sukcesplenaj kursoj de Esp. en Francujo estas invitata gvidi kursojn en Jugoslavio.

* En Jugoslavio fondiĝis Esperanto Instituto, kiu havas la taskon levi la sciencan nivelon de jugoslavaj samideanoj.

* Franio Homar (28 j) redaktoro de »Suda Stelo« (Jugoslovio) mortis 24 VI. 1933 en Sl Brod Kondolencon.

* La Hungara Skolta Asocio en sia oficiala cirkulero antaŭĵamborea esprimis specialan dankon al nia redakcio pro aperigo de artikoroj pri la ĵamboreo.

Redakcio de »Juna Esperantisto« dankas al ĉiuj recenzintoj, kiuj afable recenzis nian revuon. Speciale al la redakcioj — »Argentina Esperantisto«, »Brazilia Esperantisto«, »Frateco«, »Esperanto«, »Vegetarano«, L' Esperantiste Siśteronnais«, Verda Lumo k. t. p.

* En Buenos Aires(Argentino) s-ro E. Iglesias gvidas E-kursojn per radio. Ili estas disaŭdigataj ĉiusabate. Kurso per korespondado atingis ĝis nun proksimume 2.000 lernantoj el kiuj duono estas jam bonegaj Esp. parolantoj.

* S-ro G. Azambuja Neves parolis kolkfoje en radiostacio Rio de Janeiro (Brazilio( pri »Skoltismo kaj Esperanto«.

* Pola Ministerio por Edukado trastudinte la Esperanto-lernolibron de prof. Sygnarski oficiale permesis ĝian uzadon en ĉiuj polaj lernejoj, ĝi estas grava

sukceso antaŭ la oficiala kaj devıga instruado de Esp. en ĉiuj lernejoj de Pollando.

* Aperis nova monata gazeto en Pollando [redaktita en Esp. kaj pol.-lingvoj] sub. tit »Esperanto por. ĉiuj«. Warszawa. Nowolipki 36.

* Tutpollanda Esp. Kongreso [1934] okazos en Gdynia.

* La Universalaj Kongresoj — ĉu ili tro ofte okazas? Jen la titolo de artikolo redaktita de Alf. Christensen en »Esperantoblat«. (Nr. 7]. En ĝi ni legas: ĉu ne pli bone aranĝi U. K. ĉiu-trijare? Ili estus tiam pli imponaj, pli impresaj kaj pli efikaj ol nun

* Kiel prezidanto de la Esp. Akademio estis elektita s-ro Rollet de L'Isle, vic-prez. — s-roj Migliorini kaj Nylen.

# RADIO

Radio-stacio en Sovetio disaŭdigas ĉiumonate »Pioniran radio-gazeton« 15-an kaj 25-an je 19 ĝis 19-30 laŭ moskva tempo. Ondlongo 385 m, frekvenco 779, 1, kilocikloj. Adreso: Sovetio, Stalino Donbas, Radiocentro, Esperanto-pioniro.

Aŭskultu Esp. disaŭdigojn el Brno )Ĉeĥoslovakujo) ĉiusabate je la 17·50—18·h. Neforgesu sendi dankleterojn al stacio.

Esperanto ĉe radio-Mińsk [U, S. S R.). La sendstacio dissendis en monato septembro 12 radioprelegojn. Adreso: Minska Radio-Komitato Esp. Sektoro, Universitetskaja 16 Minsk [Sovetio].

Pola radiostacio. (Warszawa aŭ Kraków) dissendas ĉiun duan merkredon radioprelegojn. La prelegoj okazigas je 10 h 10 m. vespere. La plej proksimaj prelegoj okazos 8,22, XI. 13,27, XII. Por bono de nia afero ne forgesu sendi gratulojn al Pola Radio.

Dank' al la klopodoj de la Societo Franca por Propagando de Esperanto kaj apogo de l' vic-ministro pri turismo, s-ro Appel, la ministro pri PTT metis je la dispono de supre citata societo, la nacian radiostacion »Tour Eiffel« por Esperantaj dissendoj pri turismo en Francujo. Tiuj dissendoj okazas ĉiusabate de 15·15 ĝis 15·30 h. La unua estis aŭdebla la 27. V. Ĉiujn paroladojn malfermas la dissendo de »La Espero«.

## GRAVA ANONCO!

La nove - kreita »Pola Esperanto - Presservo« ĉe »Pola Esperanto-Asocio« la plej malnova organizaĵo esp-ta en la naskolando de Dro Zamenhof.

Serĉas seriozajn korespondantojn en ĉiuj landoj de ĉiuj branĉoj de scienca, socia, kultura, kleriga, ekonomia, profesia, artista, religia, sporta vivo de ilia lando. La alsenditaj korespondantoĵoj estos presataj en la pollanda ĝenerala aŭ faka gazetaro kun la noto: »ricevita per Esperanto«. Ĉe valoraj moterialoj — ebleco de aŭtora honorario.

Gesamideanoj, kiuj deziris tiamaniere helpi al disvastigo de Esp-to en nia lando, kiu nun komencas plebisciton por enkonduko de Esp-to en lernejoj kaj bezonas moralan helpon de la tuta gazetaro, bonvolu turni sin tuj al la adreso: »Pola Esperanto - Asocio, Fako Presserva, Warszawa (Varsovio), ul. Widok 19. Pollando, por ricevi detalan labor-programon. Alsendo de specimenoj de sia laboraĵo estas tre dezirata.

*Praha*, ĉefurbo de Ĉ S R, belega 12-paĝa prospekto eldonita de Ĉeĥoslovaka Asocio Esp Senpage ricevebla ĉe: Ĉeĥoslovaka Asocio Esp. Praha VII, Sacharska 333.

*Kopenhago*, la ĉefurbo de Danlando, riĉenhava prospekto 10-paĝa kun ravaj ilustraĵoj eldonita de Dana Turista Unuiĝo (Turistforeningen for Danmark, Vestre Boulevard 18. Kopenhago).

*Aŭstrio*, bela fald-gvidlibreto kun ilustraĵoj kaj mapo eldonita de Federacia Ministerio por Komerco kaj Trafiko, Wien Ricevebla ĉe ĉiu vialanda inform oficejo aŭ ĉe Esperanto-Muzeo, Wien I. Neue Burg, Heldenplatz

*Ĉeĥoslovakujo*, ilustrita gvidilo sur ĉehosl. fervojoj, 11 mapoj kaj 140 bildoj, senpage ricevebla ĉe: Ministerio de Zeleznic, Praha.

*Bingen* apud Rejno, belan gvidlibron eldonis Magistrato de urbo Bingen, Germanujo. Ĉiu rajtas peti ĝin ĉe Magistrato.

# VARBU!

Post sufiĉe longa interrompo »Juna Esperantisto« aperas denove. Amasiginte dumtempe novajn freŝajn fortojn ni pretigas sin al nova salto kaj tiamaniere eniri duan etapon. Nia asocio, TEJA, pere de ĝia organo J. E. ricevis rekonon de la Esperantistaro tutmonda tion pruvas multaj rivevitaj gratuloj kaj aliĝoj ne nur de junuloj, sed ankaŭ de maljunaj esperantistoj, kiuj nian movadon opinias grava. La anaro de TEJA kreskis sufiĉnombre, kaj kontentigas nin la fakto, ke malgraŭ la scio pri nia malbona financ-stato aliĝis ne nur opuloj sed ankaŭ studentaj kaj akademiaj rondoj el multaj landoj. Reviviĝinta TEJA laŭplane eniras novan etapon nome = varbadon de TEJA membro-abonantojn. Ĉar el multaj landoj oni ne povas sendi monon, sendu almenaŭ U. E. A. aŭ poŝtajn respondkuponojn kaj tiamaniere vi rekompensos nin. Kredu al ni, ke ni ĝis nun forsendadis multe da numeroj de J. E., interŝanĝe ktp. nenion ricevante pro neebla transsendo de mono. Tamen por presado, ekspedo k. t. p. ni devas akurate pagi monon. Kiel do oni povas sonĝi jam ne nur pri disvolvigo aŭ pri vegetacio de nia organo, se ni ne posedas kapitalon,

Malgraŭ la fatala tutmonda kriztempo ni kredas en nia legantaro, ke ili ne permesos pereigi ilian organizon kaj samtempe ĝian organon. Ni kredas, ke trovas sin personoj, amikoj de la junularo, kiuj laŭpove helpos al ni en tiu-ĉi malfacilaĵo kaj apogos nin ankaŭ finance. Plua aperigado de J. E, estas ne nur bezona sed nepre necesa. La organo estas nia ligilo, do en viaj manoj ni metas la zorgon je daŭrigado kaj plua aperigado de nia gazeto. Sen gazeto nenia organizo povas esti vivoplena, aktive labori kaj progresadi. Helpu do al ni vi ĉiuj, akurate repagante abonkotizon, fondu *ĉen-pres-kapitalon* kaj varbu novajn membro-abonantojn!

Ĉiaj abonantoj ne devas rigardi nian gazeton kiel varon liveratan kontraŭ pago, sed simple kiel organon, kiu ligas aron da ideanoj, pretaj oferi ion por la komuna bono.

Sentu sin ĉiuj almenaŭ akurataj en regula repagado de abonkotizo, kaj tiam ni ne bezonu turni nin al Vi je helpo. povante tiam plifortigi organon kaj aperigadi ĝin regule

Se ĉiuj plenumu sian devon ni post neloge atingus dezirindan rezulton.

Pagu regule kaj varbu! Redakcio.

# ĴAMBOREO 1933

*Esperanto tendarfajro antaŭ 2 mil personoj. Skolt-esperantistoj el 24 landoj ĉe la mondtendaro. Esperanto sonfilma scenejo. Esperanto radiosalutoj.*

La skolta movado havis mondfeston en la parkoj de hungura vilaĝo Gödöllö 1—15. VIII. La grandan tendaron partoprenis 25 mil skoltoj el ĉiuj kontinentoj kaj ĝin vizitis centmiloj da homoj. La ĵamboreo estis ankaŭ sukceso por Esperanto kaj grava progreso en la skolta movado. Parte pro helpo de kelkaj hungaraj estroj oni unuafoje aficiale donis kunvenlokon por esp. skoltoj. En la oficiala programo kaj en la diverslingvaj ĵamboreo-poŝlibroj estis kelkfoje menciita Esperanto. La kunvenoj de skolta Esp. Ligo okazis unuafoje 4-an de aŭg. ĉe la 199 hungara trupo en Esp. tendo, kiun partoprunis ĉirkaŭ 200 skoltoj el 24 landoj. Post preĝo de pastro L. Nemeth, la muzikistaro de la trupo Nr. 3 ludis la »Esperon«, dumtempe la skoltoj salutis kaj la flago de SEL supreniris la flagmaston. Poste *P. Balkanyi* hungara SEL-repr. diris salutpoemon, *J. Berggreen* [norvega SEl-repr.] en la nomo de SEL en la maferma parolo salutis ĉestantojn de aŭg. Dua kunveno de SEL okazis vespere ĉe tendarfajroj, kie ankaŭ negroj el *Trinidad* salutis ĝin. Oni laŭtlegis depeŝojn inter aliaj de SEL-prezidanto »»*Avoto*«, sekretarian kaj kasistan raportojn kaj diversajn proponojn. La kunveno sendis salutojn al la *ĉefskolto,* al la estraro de *SEL* kaj proponis rekomendi pli vastan uzon de Esperanto inter skoltoj* aperigi Esperanto-partojn en la skoltgazetaro, uzi Esperanton ĉe skoltvojaĝoj. Krom tio okazigis esp. kunvenojn 10-an kaj 13-an de aŭg. ĉe VIII-a subtendaro, 12. VIII ĉe la XII-a suptendaro. Al internacia SEL tendaro por 1934 venis invitoj el Anglujo ĉeĥoslovakujo kaj Latvio. Oni proponis akcepti tiun inviton kiun oficiale faros nacia skolt-asocio. En multaj lokoj kie deĵoris esperantistoj bankoficejo, poŝto, polico, tendoj, tendarpordegoj biletoficejo, gazeteldonejo, skolta vendejo, pendis verdstelaj flagetoj. La 10-an VIII. J. Berggreen parolis vespere el radio Budapest en Esperanto. Dum la teatra prezentado hungara trupo Nr. 329 akiris belan sukceson per prezento de hungaraj kantoj en Esperanto**. Gravega sukceso estis, ke por la ĵamboreo sonfilmo*** oni faris ankaŭ sceneton pri esp. skoltoj kaj ankaŭ la okazigo de oficiala tendarfajro, 14. VIII. antaŭ pli ol 2 mil personoj [inter ili eksministro *A. Genard* kaj kelkaj skoltestroj]. La ĉiutaga tendar-gazeto ofte enhavis artikolojn en kaj pri Esperanto. Dum la tendarado esp. skoltoj disdonadis multajn diverslingvajn propagandilojn. La pola skoltestraro invitis al la gazetara teo ankaŭ la reprezentantojn de la Esp. skoltgazetaro. Multe helpis al la sukcesigo de Esperanto la ĉeestantaj naciaj repr. de SEL: krom *P Balkanyi* kaj *J. Berggreen* vigle laboris sroj S. E. *Mann* — Anglujo, *St- Leŝinger* — Ceĥosl.. *Yvon Tarabout* kaj *M. Liber*—Francujo, *A. P. Marqueta* — Hispanujo, *J: Navikas* – Litovujo, *A. F. Jensson* — Norvegujo, *A. Caires* — Portugalujo, k. t. p. La tendaron vizitis ankaŭ eksterlandaj esp. inter. aliaj Hans Jakob, direktoro de Universala Esp. Asocio. Svislando.

Ni esperas, ke tiun ĉi modestan paŝon sukcecigi Esperanton ĉe skoltaro, la esperantistaro tutmonde energie eluzos kaj daŭrigos.

* Oficiale prezentita de la Aŭstria Skolta Asocio,
** Esp. kantlibreto aĉetebla ĉe Skolta Esp. Rondo, Budapest V. Nagy Sando 6. po 1 resp. kup.
*** Gratulu al filmkompanio »Metro-Goldvin-Mayer«, Budapest VIII. Sandor ter 3.

---

*La Junularo kaj la Mondpaco* — gazeto por infanoj, celanta mondan pacon kaj interfratiĝon. 1 Nr. — 1 resp., Poloj sendu 25 gr. poŝtm. Ricevebla ĉe Adm. de J. E.

---

*Samideanoj!* Mulmombre sendu por nia ekspozicio poŝtkartoj kun bildoj pri Esperanto. glumarkoj, afiŝoj k. t. p.]— Petro Surjanenko *Valki*, Harkovska oblast, Ukrainio, Sovet-Unio U. S. S. R.

---

Geskoltoj! Aliĝu tuj kaj instigu aliajn al *Skolta-Esperantista Ligo*— Norman Booth, Netherton-Huddersfield. Anglujo. Jarkotizo 2 ŝil. anglaj (aŭ egalvalore). Sen plua alpago ĉiu membro ricevas oficialan organon »Skolta Bulteno«. Ankaŭ repr. de S. E. L. rajtas akcepti aliĝojn )vidu Nr 4 de J. E.)·

---

*Kvakerismo kaj paco.* Mi havas senpagajn specimenajn ekzemplerojn de literaturo. (Esperanta kaj angla), pri kvakerismo kaj paco por disdoni. Bonvolu peti per ilustrita poŝtkarto aŭ letero. Adreso: Dro Fred. J. Williams, Samarai, Papua Aŭstralio.

---

Bonvolu noti novan adreson de »Vegetarano« Red. I. Ionescu — Capatzana, str. Dr. Istrate 10. Bukareŝto V. Rumanujo.

---

A d r e s ŝ a n ĝ o. — »La Juna Batalanto«, Dro Wilhelm Solzbacher, 77, Montee de Pilate, Luxemburg-Eich.

---

La plej nobla rolo de Esperanto estas diskonigi la Penson de la Malproksima Oriento! Trezoroj kuŝas en la verkoj de orientaj filozofoj. Ekkonu la arton kaj literaturon de Japanujo. Akiru vere tutmondan horizonton. Petu senpagan specimenon al OOMOTO INTERNACIA. K a m e o k a, K i o t o - h u, J u p a n u j o.

---

*Esperanto Societo de Chile* (Suda-Ameriko) Calle Washington, 1198, Santiago — Chile, korespondos kun ĉiuj junaj esperantistoj izolitaj aŭ en societo, je ĉiuj utilaj temoj por progreso kaj internacia plibonigo, por studoj k. t. p.

---

*Grava por studrondoj en Pollando:* Limigita kvanto da libretoj [ŝlosiloj] s. t. »Malbela anasido«, kun esp. vortareto, disponebla ĉe administracio »Juna Esperantisto«. La legolibreto estas tre dezirinda al komencantoj. Prezo : 10 ekz. — 9.— zl. 1 ekz. 1·— zl. [afrankite]. Lernolibroj, vortaroj, legolibroj k. t. p. ankaŭ riceveblaj ĉe administracio.

---

La uzitajn polajn poŝtmarkojn ni vendas kaj. interŝanĝas kontraŭ ĉiaj eksterlandaj. Bazo: Michel aŭ Yvert 1934. Ni posedas preskaŭ ĉiujn poŝtm. de Pollando kaj ni certe respondos, sed ne akceptas. bagatelaĵojn. *»Esperantista Filatelejo« M. Marczewska* i *Ska.* Kraków. *Rynek 9. Pasaż. Pollando.*

---

**De Redakcio.** — Kadroj de nia gazeto ne povas enhavigi ĉiujn ensenditajn art pardonu do — laŭeble ni uzos ilin en prosimaj Nr. Danke ni akceptos artikolojn, komunikojn de junulara esp. movado ktp.

---

Redaktor odpowiedzialny i wydawca: Emil Mayer- Drukarnia „REKORD", Kraków, Lenatowicza 6.

